


OBSAH — ENHAVO:






1907 BŘEZEN—MARTO I. 3.




**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj**

# Časopis Českých Esperantistů

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu:

Praha II., 313. Karlovo náměstí.

(Poštovní známky všech států přijímají se v plné ceně.)

Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:

Praha II. 313. Karlovo náměstí (Bohemujo-Aŭstrio).

(Poŝtmarkoj de ĉiuj ŝtatoj estas akceptataj plenvalore.)

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la munuskriptojn por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

*** ***

**Avizo:** Nia redakcio ĵus eldonis duan serion de novaj propagandaj poŝtkartoj, presitaj sur glata, blanka papero; sur duono de ilia adresflanko estas malgrandigita la bildo, kiu ornamas nian revuon, la alia flanko estas rezervita por la sciigoj.

Prezo (afrankite) de ĉi tiuj poŝtkartoj estas: 10 ekz. 15 hel., 25 ekz. 30 hel., 50 ekz. 60 hel., 100 ekz. K 1·15 (Pagu per poŝtmarkoj).

Esperantajn gazetojn ni petas pri afabla interŝanĝo; atentigo: bohema č = ĉ esp.! Ni petas ĉiun, kiu havas superfluajn ekz. de Č. Č. E. sendi ilin al ni, ĉar nian provizon elĉerpis la specimene sendataj ekz. kaj nun ni posedas nur tre malmulte da ili por novaj abonantoj. — Srdečný dík všem, kdož zaslali nám adresy známých jim Esperantistů! S-o J. K. B. V. u O. Sekretario de klubo respondos direkte. S-o L. S. N. B. Adreson jes. La numeron ne.

R. P. Telefono kaj Informoj en 4-a numero.

**Adresaro**: Ni metas je dispono de ĉiu (eĉ neabonanto), kiu volas ion publike anonci, lokon sur ĉi tiu kovrilo. Por enpreso de du linioj (nekomerca anonco) oni pagas 50 helerojn.

Vojtěch Němec (Kroměříž Havlíčkova tř. 87. Moravio. Aŭstrio.) korespondas per ilustritaj poŝtkartoj.

Ed. Jacquart (Charleroy, 47. rue du Grand Asakal. Belgujo) deziras korespondi kun bohemaj Esperantistoj.

G. Victor Meirce (Barcelona, universitato. Hispanujo. Cataluña) publikigos esperante skribitajn artikolojn, kiuj traktas pri bohema nacio, ĝia movado, kutimoj, amuzaĵoj k. t. p., en speciala esperanta fako de ĉiusemajna kataluna gazeto „Estudis“; ilustraĵoj estos reproduktitaj.

# Niaj kongresoj.

En siaj leteroj, skribitaj antaŭ la unua kongreso, diras Dr. Zamenhof: „Unu el la plej gravaj momentoj en la historio de nia afero estas sendube nia unua oficiala prezentiĝo al la tuta mondo — esperantista kongreso. Se ĝi estos bone aranĝita, ĝi faros sur la mondon pli grandan kaj pli daŭran impreson ol ĉia nia teoria admonado.“ Tial ni ne povas sufiĉe danki la ĉefajn organizintojn de nia kongreso en Boulogne sur Mer, kiuj meritas efektive admiron de tuta esperantistaro; tiom da konscia, laciga laboro oni malofte elspezas je ia afero, kiom la loka grupo kun sia prezidanto, advokato Michaux, dediĉis al la kunvenigo de tiom da centoj da Esperantistoj, al efektivigo de tiel grandsignifa festo. Oni ne devas forgesi ankaŭ la gravan moralan kaj materialan subtenon de multaj eminentuloj kaj de societoj, el kiuj ni nomas la francan Touring-Club, Société française pour la propagation de l'Esperanto kaj la esperantistan klubon en Paris, kiuj elmontris plej videble la intereson kun kiu ili sekvas nian aferon. La kongresoj devis alporti al ni tion, kio ĝis tiu tempo mankis al ni: ĝeneralan organizon internacian kaj starigon de komuna plano, laŭ kiu oni povus plej sukcese daŭrigi la propagandon por akceli la komunan, universalan alprenon de Esperanto.

Viva intereso kaj partopreno de samideanoj el preskaŭ ĉiuj landoj kaj nacioj helpis la definitivan fondon de ĉi tiu organizo, precipe de Centra Oficejo (kun la lingva komitato) kiun Dr. E. Javal dotis malavare per granda sumo de 80.000 frankoj.

Unua universala kongreso, okazinta en jaro 1905, kiun ĉeestis ankaŭ la genia aŭtoro de Esperanto, sukcesis tiel bone, ke neniu povis deziri pli kontentigan ekzamenon de nia lingvo; gravaj diskutadoj inter unu milo da diversnacianoj, kiuj reprezentis dudek naciojn, oficiala traktado pri ĉiuj temoj, teatraj ludoj kaj amuzoj certe ne povus okazi, se la lingvo ne taŭgus ĉiuokaze. Ni ne povas paroli pri ĉiuj ĉarmoj, per kiuj entuziasmigis la kongreso la partoprenintojn, pri la belega granda ekspozicio de ĉiuspecaj esperantaĵoj, organizita de prof. Deligny en la urba teatro, kiun donis je dispono de kongreso la urbestraro, pri balfesto en la kazino kaj pri la paroladoj, kiuj estis fundamento por decido, kunvenigi la proksiman jaron duan universalan kongreson. Ĉiuj gazetoj esperantaj kaj multe da ĵurnaloj naciaj parolis pri la grava festo; ni povas nur rekomendi al niaj legantoj, kiuj deziras scii detalaĵojn, ke ili legu la kongresan libron eldonitan por vizitantoj de la kongreso (Boulogne, s-o Boulet), detalan raporton laŭ stenografiaj notoj (Laufon, s-o Schneeberger), oficialan raporton, eldonitan de Centra Oficejo (Paris), eltiraĵon el Lingvo Internacia kaj la gazeton Revue de l'Esperanto.

*La „ora najlo“ de nia unua kongreso estis nomigo de Dr. Zamenhof membro de franca Honora Legio.*

Dua universala kongreso okazis en Genève la jaron pasintan. Kian ĝojon oni sentis, retrovante la malnovajn amikojn el fremdaj landoj, kiuj alkondukas novevarbitajn samideanojn, babilante kun ili kaj diskutante dum la festenoj kaj en gravaj kunsidoj, kiuj okazis en la universitato. Afabla pruntedono de urbaj konstruaĵoj por la kongresaj laboroj (granda teatro, Victoria Hall, komerca lernejo, palaco de belaj artoj k. t. p.) montris al ni refoje, kiel bone oni komprenas la signifon de nia afero. Ni refoje atentigas, ke la detalajn raportojn pri tiu ĉi dua kongreso alportis ankaŭ la gazetoj naciaj (krom la esperantaj, precipe la duonsemajna Esperanto-ĵurnalo); de suprecititaj firmoj estis eldonitaj raportoj, kiujn ni tre varme rekomendas al la tralego. Apartan citon meritas la organizado de konsulejoj esperantaj, kiuj estas jam fondataj en ĉiuj landoj, kie Esperanto enradikiĝis. Niaj legantoj instruiĝos en venonta numero pri rolo de ĉi tiuj internaciaj informejoj, kiuj promesas esti centroj tre ŝatataj de komercistoj, turistoj kaj de ĉiuj fremdlingvaj korespondantoj. La dua kongreso montris ankaŭ, en alta grado, la taŭgecon de Esperanto por celoj praktikaj. En Boulogne okazis ja kelkaj privataj kunvenoj de specialistoj; en Genève estis tiaj kunvenoj multe pli multenombraj kaj diversaj kaj ili instigis fondon de novaj societoj specialaj kaj de novaj gazetoj; ni citu la societojn de juristoj, katolikoj, komercistoj, „ruĝuloj“, pacifistoj, kuracistoj, blinduloj, edukistoj, scienculoj, fotografistoj, stenografistoj, junuloj, ŝakludantoj k. t. p.

Postrigardante hodiaŭ, post du jaroj, ambaŭ gravajn kongresojn, ni povas fiere diri, ke ni venkis la malamikojn de nia ideo, la suspektemulojn, kiuj pretendis, ke „neniu povos devigi la Anglon kaj la Francon ke ili elparolu lingvon artefaritan simile kiel Bohemo aŭ Ruso; ke la diferenco en buŝa uzado de la lingvo faros ĝin neuzebla, sentaŭga.“ Jen legu respondon tiuj, kiuj ridis nian laboron, kiuj ne kredis niajn vortojn: estas fakto, ke eĉ Esperantistoj, venintaj al unua kongreso, kiuj ne havis antaŭ tiu tempo okazon aŭdi kaj paroli esperante, tuj komprenis ĉiujn kaj estis komprenataj de ĉiuj, eĉ se ili mem inklinis iam fari en ia rilato eraron ĉu gramatikan, ĉu lingvan. Oni absolute ne povas paroli pri ia diferenco en la elparolado, ĉar tiuj ĉi privataj neĝustaĵoj estis korektitaj al tiu aŭ alia persono post kelkaj frazoj, kaj nenio plu malhelpis lin uzi la lingvon tia sama, kiel ĉiuj ceteraj. Sed oni ne povas paroli pri unu simila okazintaĵo, pensante pri dua kongreso: kiu estis instruita pri sia eraro dum la unua kongreso (kvankam tio tre malofte estis bezona), neniam plu li montris, ke „neniu povas lin devigi k. t. p.“ Kiu forto devigas ja la Francon

elparoli la lingvon italan bone? Ĉu ne la fundamentaj reguloj de la lingvo mem? La precipa gardanto de unuformeco en Esperanto estas niaj lernolibroj, kiuj devas respondi bezonon de la nacio. kiuj devas esti por tiu aŭ alia nacio speciale en ĝia spirito verkataj; iliaj aŭtoroj devas montri, kiu regulo estas aparte atentinda, kiu diferencas de tiu en la lingvo nacia; laborante laŭ propra sperteco, ili ne devas imiti alinaciajn lernolibrojn laŭvorte, sed elverki propran verkon. Dank' al ĉi tiuj bonaj ecoj de niaj esperantaj lernolibroj ni sukcesis atingi, ke, komparante la uzadon de Esperanto en la unua kaj dua kongreso, ni ne povis eĉ unufoje rimarki ĉi tiun fojon iajn lingvajn erarojn. Dua kongreso montris jam la gravan signifon de zorga sekvado de niaj gramatikaj reguloj kaj ni kuraĝas diri, ke la kongreso en Boulogne estis por ni ĉiuj universala lernejo kaj instruejo pri sendiferenca uzado de Esperanto; la kongreso en Genève estis la unua paŝo por laboroj, en kiuj ne estas Esperanto sole la celo, sed ankaŭ rimedo, ĉar nenia dubo plu ekzistas pri ĝia taŭgeco por ĉio, por ĉiuj.

Sur fundamenton neruinigeblan starigis la kongresoj nian karan aferon!

## NEKROLOGIO.

**Dr. Emile Javal mortis** la 21. de januaro en Paris. La Esperantismo eksentis tre gravan perdon de sia eminenta pioniro, al kiu ĝi ŝuldas tiom da efika propagando. Ĉiuj kongresanoj memoras bone la blindan maljunulon, kiu tiel atente kaj zorgeme sekvis ĉiujn laborojn, ĉiujn festojn, sed nur malmultaj scias, ke li estis animo de multaj gravaj entreprenoj esperantistaj. Tiel malavare kaj entuziasme li helpis nian aferon, ke lia nomo prave meritas esti enskribita en historio de Esperanto per oraj literoj.

Dr. Javal naskiĝis en jaro 1839. Li estas konata kiel glora okulkuracisto kaj higienisto ne sole al siaj sampatrujanoj, sed al tuta mondo sciencista; liaj famaj verkoj, skribitaj eĉ en tempo, kiam li mem, estante sesdekjara, blindiĝis, restas tre valora heredaĵo por niaj okulistoj. Lia lasta verko „Entre aveugles“ estis tradukita antaŭ nelonge en Esperanton. En jaro 1885, laŭ bedaŭrinda ironio de la sorto, li perdis unu okulon, kaj dekkvin jarojn pli poste li perdis la alian. Sed la terura malfeliĉo neniel senkuraĝigis lian animon; dum la lastaj jaroj estis Esperanto, ĝia propagando kaj estonteco, lia plej grava kaj ĉiutaga okupo. Dank' al siaj konatuloj en la plej altaj sferoj, li komencis jam sukcese la agadon por enkonduki Esperanton en francajn lernejojn; multaj el francaj deputatoj promesis al li trakti pri tiu ĉi temo en la franca parlamento, kaj kiel ni scias, la afero iris rapide antaŭen. Dr. Javal ne sukcesis tamen ekvidi la rezultaton de siaj klopodoj; li mortis en la momento, kiam li estis por ni plej necesa!

La gazeto Pola Esperantisto rakontas, kiel li fariĝi-Esperantisto: „Antaŭ sep jaroj li perdis tute sian vidon. Multaj el ni sendube post tiu ĉi ekfrapo de la sorto perdus sian energion kaj fariĝus tute sentaŭgaj por la vivo. Dr. Javal tamen apartenis al tiuj homoj, kiuj mortas morale nur tiam, kiam ili mortas entute. La malfeliĉa blindulo rapide paciĝis kun sia sorto kaj decidis daŭrigi sian ĉiutagan laboron. Li eĉ ne forlasis la akceptadon de malsanuloj, kompreneble kun la helpo de sia asistanto. Sed tuj li konvinkiĝis, ke la laboro en tiu ĉi direkto estos tute ne ebla, kaj li decidis tute ŝanĝi sian vivon, kvazaŭ li naskiĝus blinda. Al tiu tempo apartenas lia aliĝo al Esperantistaro.

Dr. Javal en siaj pli junaj jaroj, kiam li ne estis ankoraŭ blinda, interesiĝis multe, kiel homo progresema, pri la demando de lingvo internacia. Kaj nun li ekmemoris, ke li iam legis malgrandan broŝureton pri Esperanto. Li komisias al sia sekretario alporti denove tiun ĉi broŝureton. Sed kia estas lia ekmiro, kiam lia sekretario, reveninte el librejo, sciigis al li, ke Esperanto havas jam grandan bibliotekon. Dr. Javal mirigita venigis grandan nombron da libroj pri kaj en Esperanto kaj komencis fervore kun la helpo de sia sekretario lerni nian lingvon. Post iom da tempo li fariĝis la plej fervora samideano.“

Ĉiu, kiu konis lin, devas konfesi, ke Dr. Javal estis Esperantisto en la plej bela senco de tiu ĉi vorto, kiel diris pri li Dr. Zamenhof. „Li estis Esperantisto pure idea. Esperanto povas esti fiera pro tio, ke ĝi havis Javalon; Esperanto estos feliĉa kaj glora, se ĝi havos multe da Javaloj.“

En nomo de bohemaj Esperantistoj, pri kiuj la mortinto multe interesiĝis, ni sendas nian kondolencon al lia familio.

## Instruistoj kaj Esperanto.

(*Fino.*)

La unua publikaĵo de tiu ĉi organizo estis eldonita en kvin lingvoj (ankaŭ esperante), la pluaj nur france, angle kaj germane. En la citita kunveno (München) estis akceptita — en dua artikolo de la regularo — decido, sciigadi la tagordon france kaj germane, kaj laŭ okazo ankaŭ en gepatra lingvo de la raportanto. La bohema delegito petis la komitaton, ke estu permesite uzadi kiun ajn lingvon, se estas aldonita la esperanta traduko. La komitato konsentis.

La Landa Centra Asocio de Instruistaj Unuiĝoj el Bohemujo volas disvolvi en la „Internacia ofico por geinstruistaj federacioj“ memstaran programon, pri kiu oni traktis kaj diskutis post la parolado de s-o Alferi el Zdislavice en la regiona kunveno de instruistaj societoj de unuagrada instruistaro, kaj ankaŭ en la Regiona Societo de instruistoj de burĝaj lernejoj en urbo Něme-

cký Brod 1906. En la jus eldonita libro pri internacia edukado kaj instruado traktas aŭtoro de ĉi artikolo pri la lerneja programo vere internacia, kies ĉefajn punktojn akceptis jam la estraro de la bohema organizo instruista.

Ĉi tiun programon disvolvos nia bohema delegito en kunsido pentekosta (Paris 1907). Ni petegas ĉiujn instruistojn — esperantistojn, ke ili bonvolu sendi al li esprimon pri konsento kun jena alvoko :*)

1. Instruistoj-esperantistoj invitu landajn federaciojn de siaj patrujoj, ke ili aliĝu al la Internacia Ofico por geinstruistaj Federacioj (Sekr. S-o Cnudde, instruisto en Syngem; Belgujo).

2. Proponu kun detalaj argumentoj al tiuj ĉi asocioj, ke ili petegu la J. O. por geinstruistaj Federacioj, ke ĝi enkonduku kiel oficialan lingvon societan la lingvon „Esperanto". Gekolegoj, invitu la ĉefajn kunsocietanojn, ke ili disvastigadu Esperanton inter geinstruistoj!

3. Invitu viajn societojn, ke ili aliĝu al la „Delegacio por alpreno de helpa lingvo internacia", kiel faris jam nia centra societo!

4. Internacia Ofico por g. F. eldonu sian oficialan organon en Esperanto!

5. Geinstruistoj-esperantistoj aliĝu al la societo „Pacifisto", internacia societo esperantista por la paco, kiu havas nun pli ol 300 membrojn (adr. S-o Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly sur Seine, Francujo). **)

Tiu ĉi entrepreno promesas esti sukcesplena, ĉar la sekretario de nomita internacia ofico, s-o Cnudde kaj aliaj membroj estaj favoraj al la lingvo Esperanto.

Jen estas grava dokumento pri tiu ĉi certigo; ĝi estis sendita de s-o Cnudde al aŭtoro de tiu ĉi artikolo:

Bureau International de Fédérations d' Instituteurs.

Syngem la 14-an januaron 1907.

Kara Kolego,

mi bone ricevis vian interesan broŝuron pri edukado kaj instruado internacia, kaj mi vin plej kore dankas por la laŭdo, kiun vi elparolis pri nia internacia kongreso en Liège kaj pri nia internacia Ofico. Vi rajtas fidi je mi por akceptigi de nia ofico Esperanton kiel oficialan lingvon, ne sole por la ofico mem, sed ankaŭ por la estontaj internaciaj kongresoj: mi admonos ĉiujn oficanojn lerni tiun ĉi lingvon kiel eble plej baldaŭ.

La unua demando en la tagrodo de la proksima kunveno de Ofico rilatas la programojn de l'unuagrada instruado kaj oni

*) Adreso: S-o J. F. Khun, Vrsce-Kopidlno; Bohemujo-Aŭstrio.

**) Ni petegas la gazetojn esperantajn, ke ili bonvole represu nian alvokon!

rajtas ĝin akcepti kiel enkondukon al la elverkado de universala programo pri spiritformado kaj lernejorganizado. Aliparte mi memoros la proponon kunvenigi unu el la estontaj instruistaj kongresoj en Praha.

Ricevu, kara kolego, kun miaj dankoj, la esprimon de miaj frataj sentoj.

P. Cnudde.

Tiu ĉi letero ĝojos ĉiujn sincerajn geesperantistojn, ĉar la nomita asocio internacia estas tre grava pedagogia korporacio tutmonda, kies influo grandiĝados konstante.

En la fino de mia mallonga resumo de movado esperanta inter instruistoj, mi rekomendas al atento de tutmonda geinstruistaro la bonegan projekton de s-o Roman Frenkel, inspektoro de gimnazio en Enisejsk (Siberujo), kiu proponas fondi societon: Tutmonda Ligo de Instruistoj por propagando de Esperanto inter junuloj kaj infanoj, precipe inter la gelernantaro tutmonda. (1. Organizado de propagando inter geinstruistoj. 2. Organizado de propagando inter la gejunularo lernanta. 3. Organizado de la korespondado inter instruistoj kaj lernantoj de la tuta mondo. 4. Eldonado de libroj por la junuloj kaj infanoj. 5. Organizado de ĉiujaraj kongresoj de liganoj. 6. Organizado de vojaĝoj de la lernantoj kun instruistoj en fremdajn landojn dum libertempo. 7. Fondo de internaciaj kolonioj en ĉiuj landoj, kie la instruistoj kaj lernantoj povos pasigi la libertempon en rondo de siaj amikoj ĉiulandaj, kaj de: Centra Esperanta Hejmo de tutmonda Instruistaro kaj Lernantaro.)

Ĉi tiun gravegan projekton mi rekomendas varmege je atento de Internacia Ofico, kies protekto kaj subteno povas helpi ĝian realigon.

*Heřman Alferi,*
lernejestro, eksprezidanto de kultura sekcio de Landa Centra Asocio de Unuiĝoj Instruistaj en la regno Bohemujo, nune prezidanto de Instruista Unuiĝo „Budeč“ en Humpolec.

*Bohuslav Pour*:

## Delegacio por enkonduko de helpa lingvo internacia.

Informo por novaj samideanoj.

Nedisputebla bezono kaj utileco de helpa lingvo internacia estas plej bone sentebla en internaciaj kongresoj, en kiuj kunvenas personoj de komunaj interesoj, sed de malsamaj nacioj. „Tie komprenas sin reciproke nur tre malgranda parto de kunvenintoj, kiuj havis la eblon dediĉi multegon da tempo kaj multegon da mono por lerni fremdajn lingvojn — ĉiuj aliaj partoprenas en la kunveno nur per sia korpo, ne per sia kapo,“ kiel prave kaj

trafe diris nia majstro en sia unua kongresa parolado, „tie la reciproka kompreniĝado estas atingebla per vojo nenatura, ofenda kaj maljusta, ĉar tie la membro de unu nacio humiliĝas antaŭ la membro de alia nacio, parolas l i a n lingvon, hontigante la sian, balbutas kaj ruĝiĝas kaj sentas sin ĝenata antaŭ sia kunparolanto, dum tiu ĉi lasta sentas sin forta kaj fiera.“ Tial estas nemirinde, ke multaj kongresoj serĉis la manieron kiel forigi tiun ĉi nedaŭrigeblan konfuzon kaj konstatis la bezonon de u n u k o m u n a l i n g v o por kompreniĝado inter diversnacianoj.

Kelkaj el kongresoj okazintaj dum universala ekspozicio en Paris (1900) elektis, laŭ iniciativo de filozofia kongreso, la delegitojn, kiuj esplorus la demandon pri helpa lingvo internacia. Tiuj ĉi delegitoj formulis sian bontrovon en „Deklaracio“ difinanta la kondiĉojn, kiujn devas plenumi estonta lingvo internacia, kaj la metodon, per kiu ĝi estas enkondukebla. Laŭ tiu ĉi „Deklaracio“, kolektive subskribita de tuta komisio, „estas dezirinde elekti kaj vastigi helpan lingvon internacian, kiu ne anstataŭus nacian lingvon en interna vivo de individua nacio, sed kiu servus en skribaj kaj parolaj rilatoj inter homoj de malsamaj lingvoj gepatraj“ (art. I.). La elektota lingvo devas kontentigi jenajn kondiĉojn: „1. Ĝi devas esti kapabla servi por ĉiutagaj bezonoj de vivo sociala, por interrilatoj komercaj, kaj same por celoj sciencaj. 2. Ĝi devas esti facile ellernebla por ĉiu homo posedanta mezan kleron elementan, precipe por personoj de eŭropa civilizacio. 3. Ĝi ne devas esti lingvo nacia“ (art. II.) Fine la komisio esprimis la konvinkon, ke „estas necese krei Delegacion reprezentantan la komplekson de ĉiuj, kiuj aprobas la bezonon kaj eblecon de helpa lingvo internacia kaj estas interesitaj en ĝia uzado“ (art. III.).

Sur fundamento de tiu ĉi „Deklaracio“ estis fondita (la 17. de januaro 1901) „D é l é g a t i o n p o u r l' a d o p t i o n d' u n e l a n g u e a u x i l i a i r e i n t e r n a t i o n a l e“, al kiu aliĝis multaj sciencistaj, komercistaj, turistaj kaj aliaj societoj kaj kongresoj. Laŭ plano skizita en „Deklaracio“ estas la tasko de la Delegacio (respektive de ĝia komitato) kolekti la aliĝojn de diversnaciaj kaj diversfakaj societoj kaj kongresoj, prezenti ĉi tiujn aliĝojn al kompetenta kaj aŭtoritata institucio, peti de ĉi tiu decidon pri elekto de tia lingvo (art. V.) kaj fondi „Propagandan societon“, kiu vastigus la uzadon de elektita lingvo (art. VI.).

Kian lingvon elekti, pri tio decidos antaŭ ĉio „Internacia asocio de akademioj“ kaj en okazo de malsukceso la internacia komitato elektita de „Delegacio“ el kompetentaj diversnaciaj eminentuloj (art. IV.). La asocio de akademioj povas pritrakti la demandon en iu el siaj kongresoj farataj ĉiu trijare (1901. en Paris,

1904. en London, 1907. en Wien), de kiu la „Delegacio“ davas peti la decidon.

La deklaracio ĵus priparolita estas oficiala programo de la „Delegacio“ kaj fundamento por interkonsento de societoj kaj kongresoj aprobantaj ĝin. La „Delegacio“ invitas ĉiujn societojn de ĉiuj nacioj kaj fakoj por aliĝi al ĝia „Deklaracio“ kaj nomi sian delegiton. Ĝis nun faris tiel 257 societoj kaj kongresoj (ilian nomaron eldonas „Delegacio“ sub titolo „Etat de la Délégation“), el kiuj estu nomitaj sole: Akademioj de sciencoj en Dijon, Marseille kaj Acireale, Franca societo astronomia, Instituto de Pasteur, Politeknika societo en Peterhof, Internacia societo de elektroteknikistoj, Argentina societo de sciencoj, Instituto de Genève, London'a sociologia societo, Societoj de sciencoj en Nançy, Beziers k. t. p.

Por ke ankaŭ eminentaj personoj povu individue esprimi sian aprobon pri lingvo internacia kaj pri „Deklaracio“, la „Delegacio“ prezentas al sciencistoj de tuta mondo, se ili estas membroj de akademioj aŭ de altaj lernejoj, petskribon („Pétition internationale aux académies“ „Internacia petskribo al akademioj“), per kiu ili petas la asocion de akademioj pri efektivigo de helpa lingvo. Tiamaniere esprimis sian konsenton kun „Deklaracio“ 1060 sciencistoj eŭropaj kaj amerikaj (ilian nomaron enhavas „Liste des signatures“), el kiuj estis nomita patronada komitato: profesoro Baudoin de Courtenay, membro de Reĝa akademio en Kraków, generalo de Tilly, jam mortinta membro de Reĝa akademio en Bruxelles, prof. W. Ostwald, membro de Reĝa societo de sciencoj en Leipzig kaj generalo Sébert, membro de franca Instituto. Sekretario de la Delegacio estas prof. dr. L. Leau, delegito de „Filomatia societo,“ kasisto prof. dr. Couturat, delegito de kongresoj filozofiaj.

Tiel apogita per aliĝoj de societoj kaj subskriboj de eminentuloj la „Delegacio“ petis antaŭ nelonge „Imperiestran akademion de sciencoj“ en Wien (kie estos nunjara ĝenerala kunveno de akademiaro), ke ĝi enskribu la demandon pri lingvo internacia en tagordon de la kongreso. Wien'a akademio promesis plenumi tiun ĉi peton kaj tiel en ĉefurbo de „Austria polyglotta“ estos kredeble pritraktita problemo, kiel plifaciligi la rilatojn inter homoj de malsamaj nacioj.

Kompreneble, ni Esperantistoj kun intereso sekvas la agadon de la „Delegacio“ kaj atendas ĝian rezulton. Kaj certe, ne malprave ni atendas, ke la elektita lingvo estos ESPERANTO, ne pro tio, ĉar Esperantistoj plej energie kaj efike propagandas „Delegacion“, sed simple pro tio, ĉar Esperanto plej bone kontentigas la postulojn de la „Deklaracio“ montrinte sin tre taŭga por ĉiuj bezonoj de praktika vivo, komerco, scienco kaj literaturo, dokumentinte

sian facilegan ellerneblecon ankaŭ de personoj malmulte, instruitaj kaj estante neŭtrala, apartenanta al neniu nacio.

## Kronika.

**FRANCIE.** Návrh zákona, podaný v únoru t. r. parlamentu, aby Esperantu bylo vyučováno co řádnému předmětu na školách francouzských, podepsalo 70 poslanců. Návrh byl odkázán k prostudování komisi, která svou zprávu předloží parlamentu v nejbližších dnech. — Organisator prvního kongresu, adv. Michaux, dal podnět k založení esperantské kanceláře „Esperanto-Ofico" v Boulogne sur Mer, jež má za účel pomáhati rozšíření mezinárodního obchodu poskytováním všestranných informací, obstaráváním překladů a pod. — Nové náměstí v Boulogne sur Mer bude pojmenováno „Place Zamenhof". — Městská rada v Besançone poskytla místnímu klubu esp. subvenci 100 fr. — Časopis „Armée et Marine" uveřejnil opět velmi příznivý článek o esperantském hnutí v mezinárodní společnosti „Červený Kříž". — Ve vojenských školách francouzských jsou pořádány přednášky a kursy Esperanta. — Mnohé časopisy přinesly zprávy o udělování cen vypsaných každoročně klubem Esperantistů v Paříži. Slavnost konala se v Sorboně, kde pořádají se též schůze klubu; předsedal jí M. Vincent, místopředseda Touring-Clubu a de Beaufront.

**ANGLIE.** Výkonný výbor třetího kongresu sděluje, že přípravné práce velmi dobře pokračují. Železniční společnosti anglické poskytnou slevu účastníkům kongresu. Esperantský průvodce s mnoha praktickými pokyny bude vydán v nejbližší době. Aby mohlo býti postaráno o náležité ubytování v době kongresu, žádá výbor všech, kdo míní se účastniti, o udání doby, jak dlouho v Cambridge chce setrvati, a počtu osob, s nimiž přijede. Kongres potrvá od 12. do 17. srpna. Adresa: Kongreso, 2, King's Parade, Cambridge, England. — Londýnský klub esp. konal valnou hromadu za účasti 300 členů. Se schůzí byla spojena hudební a divadelní zábava, na níž Mr. Moscheles ukázal, jak těžkou jest angličina proti Esperantu, citovav některé tvary a užití slovesa t o b r e a k (lámati)

**NĚMECKO.** Druhý sjezd německých Esperantistů jest svolán Svazem německých klubů esp. na den 9. května do Drážďan; se sjezdem jest spojena výstava kněh, časopisů, lístků a obchodních katalogů esp. Informace podá dr. A. Schramm, Dresden-Landhaus. — Prof. dr. W. Ostwald, jenž prokázal za svého pobytu v Americe velmi platné služby naší myšlénce, přednášel nedávno o Esperantu v Berlíně před 600 posluchači. — V Allensteinu (Východní Prusko) připravuje se schůze slovanských a německých Esperantistů na 19.—21. května t. r. – Přípravný výbor výstavy pořádané výmar-

skou ligou německých fotografů v Drážďanech r. 1910, rozeslal redakcím světových časopisů oběžníky o výstavě, které byly tištěny anglicky, francouzsky, německy a Esperantem. — Z mnoha německých měst docházejí zprávy o kursech a přednáškách; prof. Ostwald sám přednášel již ve více než dvaceti městech, čímž zájem o Esperanto v Německu valně stoupl.

Rovněž v **RAKOUSKU** jsou pořádány četné kursy německými kluby esp. ve Vídni, v Brně, Litoměřicích, Liberci atd. V Praze, ve Vídni a v Teplicích přednášel o Esperantu prof. Ostwald koncem minulého roku. — Obchodní škola Wertheimerova v Praze, otevřela kurs esperantský pro své posluchače. — Přednášku o Esperantu pořádal p. Boschan v pražském německém spolku stenografů a v něm. vzdělávacím spolku na Smíchově. — Klub liberecký zahájil kursy ve Warnsdorfu a Franzensdorfu po přednášce pana R. Richtera.

**BULHARSKO.** Poslední dobou počali též Esperantisté bulharští pracovati na sjednocení ve prospěch organisované a účelné propagace; za tou příčinou rozhodli se na sjezdu v Sofii založiti nový časopis „Bulgara Esperantisto", který bude z počátku vycházeti dvouměsíčně. Předplatné 1 Fr. (1·50 Fr. pro cizinu). Aby síly celku nebyly tříštěny, přestal vycházeti litografovaný měsíčník „Unua paŝo", vydávaný dosud v Sofii. — Klub v Tirnovu vydává klubovní věstník „Lumo", redigovaný bulharsky a esperantsky. — Kursy jsou pořádány v Plevnu, Sofii, Tirnovu a v Šumenu, kdež byla zahájena výstavka esperantská.

**AMERIKA.** Nelze podati pouze několika zprávami správný obraz dnešního stavu Esperanta v Americe — v zemi pokroku. Jmenujeme kluby založené v několika posledních měsících: Boston, New-York, Philadelphia, Chicago, Seattle, Los Angelos, Toledo, Cincinati, Portland, Rockland, Montreal, Winnipeg, Buenos-Ayres, Rio de Janeiro, Niteroj, New-Friburg, Petropolis, Campinas, S. Paulo, Corytiba, Piracicaba, Batataes, Riberirac, Preto, Lima, Bello Horizonte, Toronto, Everett, Cambridge, Washington, Montevideo, Lima, St.-Rosa Necoxtla, Santiago atd. Ve mnoha jiných městech jsou pořádány kursy esperantské. V Mexiku a ve Spojených státech utvořily se již svazy spolků esperantských. Čelné časopisy uveřejňují pravidelné články o Esperantu a o přednáškách i kursech: „The North American", „Chronicle", „Sunday Herald", „Renascença", „La Razon" a mn. j. — Vedle časopisů „L'Amerika Esperantisto" (Oklahoma City) a „Antaŭen Esperantistoj!!" (Lima) počal vycházeti „The American Esperanto Journal", který byl zvolen za oficielní orgán Esperantistů amerických.

*　　　　　　*

*„Časopis Českých Esperantistů“ byl zvolen všemi českými kluby a odbory esperantskými za oficielní orgán.*

**PRAHA.** Týdenní schůze „Klubu Esperantistů v Praze“ pořádají se každou středu večer ve spolkové místnosti „U Donátů“ (Spálená ulice). Klub hodlá navázati styky s výstavním výborem pražské obchodní komory a s výborem V. sletu všesokolského za příčinou informování ciziny o připravované výstavě a sletu, jichž cizím návštěvníkům-Esperantistům chce věnovati zvláštní pozornost. Počátkem měsíce dubna bude znovu uvedena v činnost okružní čítárna, do níž zařazeno 10 časopisů esperantských; rozesílána budou čísla pouze letošních ročníků.

Dámský odbor klubuEsperantistů v Praze, založený roku 1904, pořádal za minulý rok pravidelné čtvrtletní schůze v čítárně musea Náprstkova; vyučováno bylo Esperantu ve dvou kursech vedených sl. Tesařovou a paní Krausovou (kurs konversační). Předsedkyní zvolena na valné hromadě Bož. Studničková, do výboru: Lud. Tesařová (místopředsedkyní), Mat. Krausová (jednatelkou), Mat. Knittlová (pokladní), Růž. Zelená (knihovní).

V Klárově ústavu slepců v Praze byl těchto dnů zahájen nový kurs Esperanta neúnavným pracovníkem na poli naší myšlénky p. K. E. Macanem. V příštím čísle přineseme podrobnou zprávu o úspěšné jeho práci věnované zájmu slepců a Esperanta.

**PLZEŇ.** Třetí valná hromada odboru Esperantistů v Plzni, pořádaná 23. února v klubovních místnostech v „Řemeslnické besedě“ podala výkaz záslužné činnosti tohoto důležitého střediska Esperantistů jihozápadních Čech. Veřejnými kursy, úspěšně vedenými sl. Emilií Lehnertovou, jakož i přednáškami a vzájemným stykem s esp. středisky cizozemskými, odbor plně vyhověl povinnostem vytčeným. Zvláštní zmínky zasluhuje obeslání výstavy v Amiensu (Francie), jejíž esperantskému oddělení zaslal odbor skvostné album pohledů na Plzeň, její světové závody, kroje z okolí a j. s příslušným popisem. Ustanoveno pořádati vždy první a třetí sobotu přátelské členské večírky, při nichž pěstována má býti hlavně esper. konversace. Prvního večírku účastnil se též neúnavný šiřitel naší myšlénky p. St. Balík z Horažďovic, který promluvil o kongresech esperantských a přislíbil častěji do těchto schůzí zavítati. Členský příspěvek stanoven pro nový rok na 3 K, zápisné 50 hal. Do nového výboru zvoleni: Jaroš Schwarz, předsedou, dr. Fr. Palek, místopředsedou, J. Pohl, jednatelem, F. Šrámek, pokladníkem, Em. Lehnertova, knihovní. (Adresa: Al Sekretario de Esperantista grupo en Plzeň, radnice.)

**BRNO.** Valnou hromadou „Klubu Českých Esperantistů“, pořádanou 22. ledna t. r., zvoleni: Ant. Tomášek, předsedou, členy výboru: místopředsedou Jan Kajš, Ing. J. Sítko, jednatelem Jan

Quitta, pokladníkem Fr. Charvát, knihovníkem Jan Skoupý, zapisovatelem J. Peloušek. Místnosti klubu, v nichž pokračuje se dvakráte týdně v kursech pro začátečníky a pokročilé, byly přeloženy do Giskrovy ul. č. 17.

**Č. BUDĚJOVICE.** Učitel p. Fr. Svačina sděluje nám tuto zajímavou zprávu: Se svolením řiditele zdejší české dívčí průmyslové školy p. Ad. Tůmy začal jsem vyučovati Esperantu žákyně této školy (v počtu as 30) vždy v úterý a ve čtvrtek odpoledne od 4—5 hodin v místnostech ústavu. Vyučování zahájil jsem dne 21. února po vhodném proslovu řiditele p. Tůmy, kterýž vyslovil se v něm velmi příznivě o naší myšlénce a přislíbil, že se vynasnaží, aby Esperanto bylo vřaděno v učebnou osnovu.

**PROSEK.** Na valné hromadě, konané 3. února zvoleni: předsedou Jindř. Kneifl, do výboru: V. Čánský, J. Erban (jednatel), Ant. Müller, J. Kouřimský. Nový rok zahájen kursem, který se koná každou neděli o 4. hodině odp. v hostinci „U Kasalických".

**PROSTĚJOV.** Esperantské hnutí postupuje jistě a úspěšně. Obecenstvo bylo poučeno o Esperantu již roku 1902 přednáškou prof. Rud. Fridricha ve Vlastimile, pak r. 1905 články v místních časopisech a přednáškou téhož ve Sdružení pokrokových lidí. V květnu roku minulého řiditel státního gymnasia dovolil několika žákům, aby směli užívati učeben ke schůzkám, v nichž cvičili by se v Esperantu. Na 40 žáků použilo této příležitosti a požádali prof. Fridricha, by je s Esperantem blíže seznámil. Nový úspěch nutno zaznamenati těchto dnů: zahájením pravidelného týdenního vyučování, jehož účastní se na 30 posluchačů, roste stále zájem o naši věc. Můžeme očekávati, že bude v Prostějově záhy založen klub našich stoupenců, dík horlivé činnosti jmenovaného přítele naší myšlénky.

**TÁBOR.** Na pozvání ženského spolku „Zora" přednášel dne 10. března t. r. člen klubu Esperantistů v Praze, p. Stan. Kamaryt, o významu a rozšíření Esperanta. Místní časopisy uveřejnily příznivé zmínky o četně navštívené této přednášce. Dle posledních zpráv jedná se o založení spolku Esperantistů v Táboře.

Ve **DVOŘE KRÁLOVÉ** ustavil se kroužek Esperantistů.

## Kroniko nacia.

*Gazeto „Časopis Českých Esperantistů" estis elektita oficiala organo de ĉiuj bohemaj kluboj kaj grupoj esperantistaj.*

Esperantista klubo en Praha intencas ekligi rilatojn kun la komitato de ekspozicio komerca, okazonta la proksiman jaron en Praha, kaj kun la komitato de V-a festo de Sokoloj; la celo

estas diskonigi ĉi tiujn entreprenojn, kaj speciale zorgi pri fremdaj vizitantoj-Esperantistoj. — En virina grupo en Praha daŭrigas fraŭlino Tesařová kaj sinjorino Krausová la kursojn; kunvenoj okazas ĉiuĵaude en legejo de muzeo de Náprstek. — Pri kursoj en blindulejo de Praha ni parolos en nia venonta numero, kie ni havos okazon atentigi speciale pri granda meritoplena laboro, kiun s-o Macan alportas al Esperanto je utilo de blinduloj. — Ĝenerala kunveno de grupo esperantista en Plzeň montris la grandan sukceson, kiun atingas nia plej grava centro de sudokcidenta Bohemujo. Kursoj estas kondukataj de fraŭlino Lehnertová, nia bone konata partianino. La grupo decidis aranĝi la unuan kaj trian sabaton de ĉiu monato konversaciajn kunvenojn esperantajn, ĉe kiuj promesis ĉeesti ankaŭ nalacebla kunbatalanto por nia ideo s-o St. Balík el Horažďovice; la sama parolis en Plzeň antaŭ nelonge „pri kongresoj esperantaj“. — Klubo de bohemaj Esperantistoj en Brno aranĝas en sia nova sidejo du kursojn esperantajn. Adreso de sekretario: S-o Jan Quitta, Žabovřesky apud Brno, 282. Moravio. — Interesan novaĵon sendis al ni prezidanto de esperantista grupo en Č. Budějovice: Kun permeso de direktoro de nia bohema knabina industria lernejo, s-o Ad. Tůma, mi komencis instruadi al Esperanto 30 lernantinojn en ĉambroj de la lernejo. S-o Tůma esprimis en la prologo antaŭ la malfermo de la kurso tre favoran juĝon pri nia ideo kaj promesis klopodi, ke Esperanto estu akceptita en la programon. — Novan kurson malfermis esp. grupo en Prosek apud Praha. Adreso de sekretario: S-o Erban, instruisto. — Danke profesoron Fridrich en Prostějov (Moravio) Esperanto trovas en ĉi tiu urbo multajn adeptojn; per kelkaj paroladoj li diskonigis la rolon de lingvo internacia kaj sukcesis en jaro 1906 malfermi kurson por 40 lernantoj de gimnazio laŭ permeso de direktoro. Novan sukceson ni devas noti nunjare: publika kurso, ĵus malfermita, estas multnombre vizitata, kaj ni povas esperi baldaŭan fondon de esp. societo. — Virina societo „Zora“ en Tábor aranĝis la 10. III. paroladon pri Esperanto en domo de ekonomia akademio. S-o Kamaryt el Praha klarigis al ĉeestintoj signifon de la demando pri lingvo internacia kaj ĝian solvon per Esperanto. Societo esperantista estas fondota. — En Dvůr Králové ekzistas rondeto de Esperantistoj.

Gazetaro. „Hlasy z Hané“ (Prostějov, 22. II.): Úspěchy Esperanta v Prostějově. — „Čas“ (Praha, 16. II.): K otázce jazyka mezinárodního. — „Lidové Noviny“ (Brno, 22. II.): Sjezd německých Esperantistů v Drážďanech — „Plzeňské Listy“ (Plzeň, 2. III.): Konversační večírky plzeňských Esperantistů. — (11. II.): Třetí valná hromada odboru Esperantistů v Plzni. — „Jihočeské Listy“ (Budějovice, 20. II.): K otázce jazyka mezinárodního. — „Ill. Kurýr“ (Praha, 18. II.): Ze světové korespondence malého Esperantisty. — „Národní Listy“ (Praha, 12. II.): Čestné uznání

klubu Esperantistů v Praze. — „Písecké listy“ (Písek, 6. III.): „Esperanto“ (Feuilleton). — „Máj“ (Praha, 22. II.): Překlady z češtiny. — „Světozor“ (Praha, 21. č.): Islandský parlament (el „Tra la mondo“ tradukita). — „Jiskra“ (Tábor 13. III.), „Táborský Kraj“ (15. III.): Přednáška „Zory“.

Raportis pri nia revuo: „Národní Listy“ (2. III.), „Hlas Národa“ (3. III.), „Mladá Praha“ (8. III.), „Student“ (14. III.), „Ozvěna z Novoměstska“ (15. III.), „Illustrované přednášky“ (č. 55), „Beseda učitelská (21. III.). „Národní Politika“ (15. I.)

Semajna gazeto „Národní Obzor“ publikigis en sia rubriko esperanta serion da frazoj kun rimarko, ke la redakcio sendos al ĉiu tradukinto de ĉi tiu leciono broŝuron pri Esperanto. Preskaŭ cent leteroj kun seneraraj tradukaĵoj montris la proksiman tagon la grandan intereson, kun kiu sekvas la legantoj la esperantan movadon. — Estus dezirinde, ke ankaŭ aliaj gazetoj imitu ĉi tiun provon.

Redaktoro de gazeto „Beseda Učitelská“ (semajna instruista organo) skribis al ni, ke li komencos enmetadi en ĉiun numeron artikolojn pri Esperanto, ĝia movado kaj divastiĝo. Ni bonvenas tre kore lian decidon kaj esperas, ke interesos ĉiujn legantojn de „B. U.“ la ĵus malfermita nova rubriko.

## Bibliografio.

Eksport-ĵurnalo, internacia revuo por komerco, industrio kaj tekniko. Eld.: „Unio“ Esperanto-Verlags-Gesellschaft m. b. H. Frankfurt a. M. Jara abono 4 M. (monate 16 pĝ.)

Multaj komunikoj, novaj ideoj, gravaj por la komercisto kaj industriisto ne estas por ili atingeblaj pro diverseco de la lingvoj. Tiun staton volas ŝanĝi la nova revuo, kiu raportados sole en Esperanto pri komercaj ŝancoj en tiu aŭ alia lando, pri la internacia komercado, pri situacio de komercistaj oficistoj en diversaj landoj, pri novaj elpensaĵoj praktike utilaj k. t. p. Ni deziras al la redakcio, ke ĝi sukcesu montri, kiom Esperanto disvastiĝas ĉe la komercistoj kaj kiel ĝi taŭgas por la reklamoj kaj informoj internaciaj.

„Helpa lingvo“ Esperanto Bladet eldonata de Esperantistforeningen en Köbenhavn. Redaktoro: mag. art. H. Wiehe, konstanta kunlaboranto Fr. Skeel-Giörling. Prezo K 1·20 + porto (dana mono). Monate ok paĝoj.

Apero de unua dana gazeto estas ĝojiga fakto por ni, ĉar ĝi montras la gravan movadon en Danujo kaj sukcesan laboron de niaj amikoj. Multe da progreso!

Fratoj Grimm: Elektitaj fabeloj (trad. el la germana lingvo Dro. Kabe). 1907. Berlin, Möller & Borel (199 pĝ.). Prezo M. 1·50.

La fabelojn de fratoj Grimm ŝatas ne sole la infanoj, sed ankaŭ la maturaj homoj legas ilin kun plezuro: unuj, kiel simplan, facilan legaĵon, aliaj kiel materialon por folkloraj studoj, fine la maljunuloj — por veki en la memoro pensojn pri pasinta infaneco.

Preskaŭ tridekon da fabeloj entenas la libro rekomendinda pro pura kaj bona stilo precipe al komencantoj. Ni ĝojas legi

ankoraŭ multe da aliaj novaj verkoj de Dr. Kabe, kies laboron ŝatas ĉiu Esperantisto. Liaj: Fundo de l' mizero, La interrompita kanto kaj Pola Antologio estas la plej belstilaj libroj.

Dr. R. Fiedler, de Marich, prof. Altenburger: Hungara Poemaro. 1907. Budapest, IX., Üllöi-ut. 59. Esperanta universala biblioteko. No 1. (16 pĝ.) Prezo 30 hel.

Interesan kolekton de kelkaj floroj de hungara poezio prezentas al ni la unua numero de nova biblioteko; baldaŭ sekvos aliaj, ne malpli interesaj verkoj: Japanaj popolkutimoj, Ĉefurbo Budapest, fragmentoj el literaturo itala, rusa, pola, hungaraj popolkutimoj.

Paul Boulet: Franca gramatiko por Esperantistoj. Antaŭparolo de E. Boirac. 1907. Presejo Jobard. Dijon. (85 pĝ.) Prezo Fr. 1·50. (Aĉetebla ĉe eldonanto s-o P. Boulet, 80. bd. du Prince Albert, Boulogne-sur-Mer.)

Unuaniman aprobon ricevis la ideo pri lernado de fremdaj lingvoj per Esperanto. Erara kaj malprava riproĉo, ke nia lingvo volas detrui kaj malaperigi la ceterajn, plej bone estas rebatata per ĵus eliranta lernolibro de franca gramatiko; bonan komprenon, kiun la aŭtoro atingis, montras intereso kun kiu estas lia verko serĉata: dum kvar monatoj li ricevis pli ol 1000 mendojn el 30 diversaj landoj! Estus utile, por pruvi, ke Esperanto tute ne estas malamiko de la naciaj lingvoj, ke multaj vivaj lingvoj posedu similan verkon esperantan.

Prof. Ludwig Mainzer: Ausführliches Lehrbuch der internationalen Hilfssprache Esperanto unter besonderer Berücksichtigung derjenigen, welche einer fremden Sprache nicht kundig sind. Für den Schul-, Privat- und Selbstunterricht. 1907. Leipzig. O. Nemnich (VII. + 244 pĝ.). Prezo M. 2·60.

Pri tiu ĉi nova germana verko oni povas diri sendispute, ke ĝi estas la plej detala lernolibro, vera trezorejo por tiuj, kiuj lernas laŭ ĝi Esperanton. La verkinto metis en la komencon la elementajn regulojn de gramatiko germana, por fari la klarigojn de la esperanta parto pli facile kompreneblaj ankaŭ por personoj nesciantaj perfekte, laŭ gramatika vidpunkto, germanan lingvon. Bela stilo, sistema ordigo de materialo kaj granda riĉeco de ambaŭlingvaj ekzercaj artikoloj faras la verkon ĉiuflanke praktika kaj rekomendinda por detala, filologia studado de Esperanto; oni trovas ja en ĝi respondojn je ĉiu lingva demando. Ni bedaŭras nur tion, ke la bonega verko ne posedas tabelon de la enhavo, kiu estus precipe tie ĉi tre bezona por la lernanto.
Aparte eldonita libro (Schlüssel, 80 pf.) enhavas solvojn de ĉiuj lecionoj kaj tradukojn de la ekzercoj montritaj en la granda lernolibro. — Ni gratulas sincere la aŭtoron.

A. J. Witteryck: Kelkaj floroj esperantaj. Agrablaj legaĵoj kun multaj ilustraĵoj. Serio 1a. N-o 3a. 1907. Bruges. (23 pĝ.) Prezo 25 ctm.

Kolekto de ŝercoj kaj humoraĵoj bele ilustrita kaj bone elektita.

H. Bouška: Delegace pro zavedení pomocného jazyka mezinárodního. Otisk z časopisu „Den". 1907. Praha-Smíchov 1097. (15 pĝ.)

Brožurka tato jest stručným a objektivním úvodem ku poznání otázky jazyka neutrálního, seznamujíc krátce čtenáře se vznikem, účelem a činností „Delegace" a vytýkajíc české stanovisko k ní. Bylo by si přáti, aby čtenář, souhlasící se snahami „Delegace", činně souhlas ten projevil, podporuje tyto snahy působením ve spolcích a u jich funkcionářů pro připojení se k „Delegaci". (Viz podrobnější zprávu o „Delegaci" na jiném místě našeho listu.)

Na konec poukazuje autor na význam neutrálního jazyka zvláště pro nás, Čechy, kteří musíme užíti jazyka cizího, opustíme-li hranice vlasti a představit své práce vědecké v rouše cizím. Účastenství na mezinárodním kolbišti vědeckém i obchodním valně by nám usnadnil jazyk neutrální. Brožura zasluhuje pozornosti každého, kdo se o otázku mezinárodního jazyka zajímá.

En ĉi tiu broŝuro klarigas la aŭtoro devenon, celon kaj agadon de la „Delegacio", elmontrante ankaŭ signifon de lingvo neŭtrala por bohema nacio. Per ĝia enkonduko estus grave helpita la partopreno de malgrandaj nacioj en scienca kaj komerca laboro tutmonda. La broŝureto meritas atenton de ĉiuj, kiuj interesiĝas pri demando de lingvo internacia.

E. Boirac: Le congrès espérantiste de Genève. (El la „Revue Pédagogique".) 1907. Paris. Ch. Delagrave. Aĉetebla ĉe Esperantista Centra Oficejo, Paris (14 pĝ.) Prezo 40 ctm.

La plej grava franca gazeto pedagogia, kiu enpresis la majstre verkitan artikolon de rektoro Boirac, donis al siaj legantoj okazon bone informiĝi pri nuna stato kaj signifo de nia lingvo. Estus dezirinde, ke multaj aliaj nacioj posedu similan defendanton de Esperanto kontraŭ mallertaj skeptikuloj, kiu tiel interesplene kaj konvinkige povus klarigi la aferon kiel ĝin konas s-o Boirac. En verko nomita aparte citinda estas la parto, kie parolas la aŭtoro pri literatura taŭgeco de Esperanto.

Prof. Louis Couturat: Eine Weltsprache oder drei? Sonderabdruck aus der „Deutschen Revue". 1907. Stuttgart und Leipzig: Deutsche Verlags-Anstalt. (17 pĝ.)

Pod titulem: „Jedna řeč světová nebo tři" vyšla zajímavá brošura, obsahující odpověď prof. L. Couturata na rektorskou řeč prof. Hermanna Dielse. Prof. Couturat důstojným, klidným způsobem odráží výtky činěné prof. Dielsem Delegaci pro přijetí mezinárodní řeči pomocné a Esperantu vůbec a podrobuje přísné kritice návrh Dielsův na rozřešení otázky mezinárodního jazyka dle myšlénky Chappelierovy — voliti za světové řeči angličinu a frančinu, k nimž prof. Diels přidává ještě třetí světovou řeč — němčinu. Prof. Couturat vystupuje proti tomuto návrhu jménem ostatních národů světa, zahrnutých prof. Dielsem do kategorie „übrige kleinere Nationen", mezi nimiž jsou i národy veliké jako Rusové a Italové. „Řešení navrhované prof. Dielsem," praví Louis Couturat, „není vůbec řešením, neboť nikdy by nebylo přijato všemi národy, kdežto jediná neutrální pomocná řeč mezinárodní jest všem národům přijatelná."

*Laboru kvazaŭ vi volus vivi eterne.*

Pierre Lecucq (Clévilliers, E. & L., France) dez. ricevadi sciigojn pri esperanta movado en Bohemujo; kolektas panoramajn p.-k., imaĝojn de naciaj kostumoj.

Roman Frenkel (Inspektoro de gimnazio en Enisejsk, Rusujo, Siberio) intencas eldoni por infanoj „Esperantan Krestomation“ en tri volumoj: I-a por la aĝo de 8—12 jaroj, II-a por 12—15, III-a 15—18. Tial li petas ĉiujn Esperantistojn sendi al li tradukojn (en Esp.) el iliaj naciaj krestomatioj, almanakoj, ĵurnaloj kaj diversaj kolektoj por la infanoj kaj junuloj: rakontojn, novelojn, fabelojn, fablojn, enigmojn, problemojn, proverbojn, versaĵojn, ilustritajn rakontojn kaj ilustraĵojn, artikolojn pri historio, geografio, natur-scienco k. t. p. Por ĉio sendota koran dankon!

T. Yamada (Nüya Mura, Kaito Gun, Owari, Japanujo) serĉas korespondanton.

Vladislav Giercuszkiewicz (Nowy-Sącz, Galicya) deziras korespondadi.

Societo esperanta Aplech-Sabadell en Barcelona preparas ekspozicion esp.; tial ĝi petas pri alsendo de p.-k. aŭ esperantaĵoj laŭ adreso: S-o J. Manau Artigas, advokato, Barcelona-Hispanujo.

S-o Krištof A. Praha III. 83. deziras korespondi pri gimnastika terminologio.

## „Klub Esperantistů v Praze“

(zal. r. 1902) měl koncem r. 1906 odbory: dámský odbor v Praze „U Náprstků“, v Plzni, v Proseku a v Českých Budějovicích. Členové klubu mají právo používati knihovny (přes 200 svazků), časopisů esp. (20), účastniti se týdenních schůzek spojených s esp. rozpravami a učebných kursů. Pro členy mimopražské zřídil klub. okružní čítárnu esp. časopisů. Roční příspěvek 4 K.

Informace podá: Esperantista Klubo en Praha II. 1970.

Internacia signo STELO aprobita de grupoj kaj societoj de la tuta mondo. Prezo 50 hel. Verda, emajlita, kvinpinta stelo kun risorta butono aŭ pinglo. Rabato por societoj. Mendu ĉe Esperantista Klubo en Praha (Bohemujo).

Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de K. Pitter, Praha.